JARO XVI, Sofia—Bulgario
julio — decembro 1972, № 3—4

# INTERNACIA



# ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)



**En tiu ĉi n-ro de nia organo ni aperigas tri el la plej interesaj fotoj tutmondaj**

1. Barakoj-mortigejoj en la iama naciista koncentrejo de Buchenwald. La foto estas farita de M. Bourke-White en 1945

# 1972 INTERNACIA LIBRO-JARO

„En tiu jaro 1972, kiu estis proklamita unuanime „INTERNACIA LIBRO - JARO" fare de la Generala Konferenço de UNESKO, mi alvokas ĉiujn landojn el la mondo, ke ili kuniĝu, ĉiu laŭ siaj eblecoj kaj rimedoj, al tiu grandskala entrepreno, kaj ke ili propriĝu al si ties devizon: LIBROJ POR ĈIUJ:

„Se la monda programo de UNESKO, rilate la antaŭenigon de la libro celas ĉefe al plibonigo de la grava malekvilibro ekzistanta inter landoj evoluintaj kaj disvolviĝantaj, la problemo tamen ne nur staras laŭ kvantoj. Ĉu ne gravas ankaŭ, kaj ĉefe, ke ni ebligu ke la libro, tiu privilegia instrumento de scio kaj meditado, kontribuu al disflorado de la socio, permesu al ĉiuj aprezi tion plej altvaloran, kion produktas la homa spirito tra la mondo kaj ke tiel ĝi servu la interkomprenon inter la homoj, unuan kondiĉon por vera paco?

„Sed la „Internacia Libro-Jaro" koncernas unuarange la multnombron de tiuj, por kiuj la libro-uzado — ĉiutaga laborinstrumento de persona formado aŭ fonto de forfuĝo kaj revo estas neapartigebla de la feliĉo kaj de la digneco vivi. Ĉiuj sin kunligu kaj agu por ke estu LIBROJ POR ĈIUJ."

Tiun gravan alvokon skribis S-ro RENE MAHEU, ĝenerala direktoro de U. N. E. S. K. O., por artikolo aperinta en la januara numero de la revuo „Courrier de l'Unesco". Kompreneble, la esperantistoj ne povis resti ekster tiu evento. Jam preskaŭ ĉiuj esperantaj revuoj dediĉis kelkajn paĝojn al tiu kampanjo, inter alie per kontribuajoj de J. REGULO (la fama eldonisto de la libroj STAFETO), en „Esperanto", K. Kalocsay en „Hungara Vivo" . . . kaj mi forgesas el la plej bonaj. Ankaŭ „Franca Esperantisto" devis aldoni sian malgrandan ŝtonon por substreki la gravecon de tiu fakto. Efektive, ĉu Esperantujo ne estas unu el tiuj disvolviĝantaj landoj, kiuj avide deziras havi librojn, literaturon?

La esperantistoj, kiam malsimpatiantoj riproĉas al nia lingvo ĝian mankon de literaturo, kaj de specifa kulturo, tre fiere asertas, ke ni ja posedas tre ampleksan titolaron de libroj kaj tre bonajn aŭtorojn. Jes, sed. . . Kvankam tiom ili laŭdas kaj bombastas la esperantajn librojn, ili ignoras — mi ŝatus diri nur: ignoretas — ilin. Efektive, kiom el ni aĉetas kaj legas librojn? Verfakte la meza eldonnombro de esperantaj libroj estas 1000, kaj, kiel diras Kalocsay, „tio ne montras tumulton de aĉetemuloj". Ĉu la nuntempa prototipo de esperantisto ne legu pli ol la indiĝenoj de iaj ankoraŭ nemalkovritaj popoloj, kiuj loĝas izolite en netrapenetrebla arbarego? Ĉu ili ne legu pli ol la anoj de iaj prapatraj civilizacioj?

En „Hungara Vivo" (3/71) K. Kalocsay provas analizi jene la problemon: „Unue oni devas konscii, ke la ekziston de literatura eldonado ni povas certigi nur per la konsiderinda pligrandigo de la eldonkvantoj. La nuna mizera malmult-ekzemplereco kaŭzas, ke la libroj estas multekostaj, sekve ne sufiĉe aĉetataj, sekve ne eldoneblaj pli multekzemplere — tipo de „peka cirklo";

— ke la eldonejoj ne povas pagi honorarion, tial talentuloj, se ili volos vivi per sia literatura laboro verkas, eĉ devas verki nacilingve.

„Evidente, ni devas serĉi do la kaŭzojn de la mizera lingvo-debito en Esperanto kaj la rimedojn kontraŭ tiuj kaŭzoj".

Ni rapide kaj resume skizu la tie proponitajn kaŭzojn:

1) neniam estis farita larĝa merkata esploro, por evidentigi kion ŝatus legi la esperantistoj;

2) homoj volonte aĉetas libron ekviditan en montrofenestro, sed estas tro konfortaj por traserĉi ilin kaj ilin mendi;

3) mankas favora etoso por la libroj, se ne diri, por la literaturo entute. „La grupoj ofte ne scias fari por si programon en la klubvesperoj. Nu, oni povus tie interese **konigi librojn** kaj tuj **vendi** ilin al interesiĝantoj".

Same, la gazetoj devus pli **multe okupiĝi** pri libroj. „La anemiaj recenzoj, kiuj aperadas kun pedantaj riproĉoj kaj ŝablonaj laŭdvortoj, nemulte utilas, ĉar ili ne vekas la intereson de la leganto kaj misagordas la aŭtoron";

4) grava kaŭzo de la plorinda librodebito estas, ke la **nivelo de la lingvoscio** inter la esperantistoj estas **malalta**" (la substrekoj estas de la aŭtoro mem).

Jen do la ĉefaj pensoj de K. Kalocsay. Kompreneble, oni en la nuna stato ankoraŭ ne povas deziri trovi la esperantajn novelojn en la apuda ĉionvendejego, kun sugestoplena ilustrita koverto, kaj en malmultekosta grand-publika serio. Nuntempe, oni ankoraŭ ne povas legi desegnitajn aventurojn de herooj similaj al niaj spritaj kaj

# LA AFRIKA GAZETARO

UHURU-Libereco — tio estas la devizo de Afriko en sesdekaj jaroj. La nigraj popoloj liberiĝis unu post la alia el centjara, longa kolonia regado. Ĝis 1970 atingis politikan sendependecon 34 ŝtatoj kun pli ol ducent milionoj da loĝantoj. Nur dum 1960, en la komenco de la „Jardeko de libereco" 17 afrikaj ŝtatoj sendependiĝis.

Multaj gazetoj tiam antaŭdiris la florantan evoluon en la nigra kontinento. „Sed niaj esperoj — laŭ afrika intelektulo en Abidjan, la ĉefurbo de la Ebura Bordo — estis seniluziigitaj". La haŭtkoloro de tiuj, kiuj fortranĉis la liberecon de la gazetaro, ŝanĝiĝis, sed la gazetara libereco ne estas tre malproksima de la antaŭa „libereco". Kiuj volas detale informiĝi pri la ekonomia kaj politika evoluoj en Afriko, ili estas nun kiel antaŭe dependaj de eŭropaj kaj usonaj publikigaĵoj.

Depost 1960 ne nur la tuto de la tagĵurnaloj, sed ankaŭ la nombro de vere sendependaj publikigaĵoj konstante malkreskis. Antaŭ 11 jaroj en Afriko estis proksimume 250 gazetoj. Hodiaŭ ekzistas nur ĉ. 170, kun taksita taga kompleteldono de tri milionoj. Ĉirkaŭ triono de la ekzempleroj aperas en Sudafriko. Kontraŭe, la radiostacioj sude de Saharo atingas ĉirkaŭ 14 milionojn da aŭskultantoj.

Antaŭ la sendependeco preskaŭ ĉiuj gazetoj estis en la mano de eŭropanoj kaj submetitaj al la interveno de la koloniaj organoj. Hodiaŭ la afrika gazetaro — kun malmultaj esceptoj — estas posedaĵo kaj voĉtubo de la registaroj, preskaŭ unupartiaj kaj militistaj registaroj. La redaktoroj estas rekte aŭ malrekte pagataj de la registaro.

La Radio kaj la televido estas ankaŭ preskaŭ naciigitaj. Tial kritikaj ĉefartikoloj aŭ komentoj estas malofta j. Eĉ puraj informoj pri temoj, kiuj ne plaĉas al iuj registaroj estas subpremataj. Tio ne helpas al la fidindeco de iuj gazetoj. Ĉar ĝuste la informoj, kiuj estas prefere subpremataj (ekzemple informoj pri strikoj, tribaj malpacoj aŭ malkonsentoj kun la registaro) estas al la konsiderinda parto de la loĝantoj neklare konataj.

La gazetoj de la afrika kontinento eĉ publikigitaj en regionaj lingvoj (analfabeta kvoto de 70 ĝis 90 procentoj) servos precipe al la elito, kiu ofte povas informiĝi de aliaj fontoj. En multaj landoj estas eksterlandaj gazetoj, kiuj ĉiutage alflugas el Londono aŭ Parizo, estante pli disvastigataj ol la enlandaj presproduktaĵoj.

Registaraj organoj estas en ĉiuj landoj pli aŭ malpli enuaj. Bona laborantaro estas apenaŭ sufiĉa. Spertaj, bone instruitaj ĵurnalistoj, estas mankaĵo, estas malbone pagataj kaj ĝuas malgrandan socian prestiĝon. En kelkaj landoj taksiistoj gajnas pli multe ol raportistoj. En Nairobi novmalfermita ludkazino oni malpermesis antaŭ kelkaj jaroj la eniron al „publikulinoj, krepuskaj elementoj kaj ĵurnalistoj. „Multaj bonaj afrikaj ĵurnalistoj, kiuj ellernis sian metion en Londono, Fleet Strate aŭ en Parizo, transkuras al aliaj okupoj, kie ili gajnas pli bone kaj sentas sin pli liberaj.

La plej sekaj gazetoj de la nigra kontinento aperas sendube en la iamaj francaj teritorioj, en kiuj ankaŭ en la komenco de sendependeco la gazetaro estis kaduka. Ofte, skribitaj en la pezaj lingvoj de la oficialaj komunikoj, ili donas ankaŭ al la konvinkitaj adeptoj de la registaro malmultan instigon al legado. En la angle parolantaj landoj, kontraŭe, ankaŭ hodiaŭ regas ankoraŭ la influo de Londona Fleet-Strato, el kiu antaŭe venis multaj ĵurnalistoj. Ĉi tie oni penas pri legebleco kaj viveco kaj oni jam tuŝas ankaŭ „malagrablajn" temojn.

La plej multaj nigraafrikaj publikaĵoj aperas ankoraŭ ĉiam en angla aŭ franca lingvoj. Escepton faras Ugando, kie ambaŭ gazetoj en Svahili havas pli grandan eldonkvanton ol la anglaj. Sed krom tio la gazetoj en la lokaj lingvoj havas malaltajn eldonnombrojn kaj ili apenaŭ gravas.

D-ro **A. Mildwur**

---

nevenkeblaj Asterix kaj Obelix, aŭ kiel nia aŭdaca, voluptema, kaj imagoplena San Antonio. Konsentite! Tamen, de nun, nia publiko povus koni la nomojn, agojn, karakterojn, de Johano Bardy, de Pierre Touchard, de Majstro M. Saud, de Mister Tot, almenaŭ same bone kiel tiujn de Hamleto, de Kandid, de Figaro aŭ de Sinjoro Jourdain. Kaj se nia publiko vastiĝus, ĝis la afero iĝu finance profitodona, baldaŭ aperus ankaŭ esperante la albumoj de Asterix, Tintin kaj aliaj . . . Sed nia nuna deziro estu pli modesta: ke almenaŭ, tiu INTERNACIA LIBRO-JARO plenigu la kasojn de nia libroservo.

Kompilis Hervé Gonin

El „FRANCA ESPERANTISTO" № 273 AUG-OKT. 1972

Elisaveta BAGRJANA—
bulgara nuntempa poetino

## AMAZONO

*Blovas freŝo de l'mateno*
*al vizaĝ', el for' —*
*kaj mi juna, sen kateno*
*kun bolanta kor'.*
*Portas min Pegas' sen brido*
*fulme kaj sen tim',*
*antaŭ mia okulvido —*
*monda bel' sen lim'.*
*Hufoj sparke radiantaj,*
*kies ven' post vi?*
*Displektiĝas helaj kantoj*
*super voj' de mi*
*Atingota Helikono**
*ĉe leviĝ' de l'ŝun'.*
*Nu, Pegas', al ĉielfono —*
*kun ni la Fortun':*
*Tie elsub hufo mova*
*klara akvofont'*
*tuj ekŝprucos per fort' nova*
*en la sin' de l'mont'.*
*Kiam la fratinoj miaj*
*venos kun fervor',*
*vervo kaj inspir' iliaj*
*ardos en la kor'.*
*Kaj al venk' de nia kredo*
*tra danĝera voj'*
*kaj Perse' kaj Andromedo*
*gardos nin kun ĝoj'.*

*Tradukis: Canko MURGIN*

---

* Monto en Beotujo (Greklanda teritorio), kun valo kie estas kultataj la Muzoj.

Angel TODOROV —
nuntempa bulgara poeto

## KAMBOĜO

*Kie estas Kamboĝo? — Tutfore.*
*Kie estas Kamboĝo?*
*— Proksime.*
*Eniris ĝi niajn jam korojn,*
*ĝi bolas en sango senlime,*
*ĝi vokas nin nokte el dormo,*
*ĝi sekvas dum tag' niajn pensojn —*
*voĉ' ĝia ribele enorma*
*proteste kriadas, lamentas.*
*En tiu tropika savano*
*mi vidas kunulojn el ŝtalo —*
*marŝantaj tra paf' uragana*
*en seka rivera jen valo,*
*tra kavoj de bomboj fositaj*
*kaj tra kadavroj fortulaj*
*kaj tra la kruel-venenitoj —*
*falĉitaj de fi-agresulo.*
*Murdit' reviviĝas kobolde*
*kaj marŝas svingante standardon.*
*Vulkanoj kovritaj de oldo*
*vekiĝas, revomas laf-ardon —*
*kaj bolas Kamboĝo indigne.*
*Kamboĝo ekiras al lukto,*
*pistolon direktas laŭsigne —*
*per paf' malamikon reduktas.*
*Ke mia el kugloj poemo*
*per pafoj precizaj traboru*
*de imperiist' agresema*
*okulon kaj cerbon kaj koron.*
*Amikoj kaj fratoj laŭkore*
*sang' kies elfluas viktime . . .*
*Kie estas Kamboĝo? — Tutfore.*
*Kie estas Kamboĝo?*
*— Proksime!*

(Aŭgusto 1970)
Tradukis: Canko MURGIN

ALEKSANDR LOGVIN

## MEDITO

*dum la 14-a de Julio**

*Francio, liberama, senbastila,*
*Simbol' revolucia, land' elstara,*
*Por pluraj restas vi lumturo brila,*
*Vin oni ŝatas sur la Tero, kara!*

*Kasteloriĉa kaj legendoplena,*
*Vi — ĉarma „Ĉampion' de libereco" !*
*Lulilo de konjako, plej bonvena*
*Kaj de ĉampan' de luksa supereco.*

*Ekde la juno logis nin legaĵoj*
*Pri bela virgulin' de Orleano,*
*Pri Dartanjanaj brilaj heroaĵoj,*
*Pri Monte-Kristo kaj pri Ĵan-Valĵano . . .*
*Ĵul Vern, Russo, Volter, Flober kaj pluraj*
*Talentoj eminentaj — monda gloro —*
*Trezorojn kreis belliteraturajn,*
*Liberon semis en homa koro . . .*

*Mi ĝojas, ke firmiĝas en favoro*
*Solidarec' interpopola nuna*
*En la konkero de astrala foro*
*Kaj en la pacbatalo — celo kuna!*

*Saluton al vi, homoj de Francland o!*
*Saluton al amikoj karaj miaj!*
*Sonore sonu franca-rusa kanto*
*Sub la ĉielo de patrioj niaj!*

---

* 14. VII. Nacia festo de la franca popolo, Moskvo, 1972 kiam en 1789 ekribelantaj parizanoj detruis la Bastilon.

## ĴURNALISTAJ PENSOJ PRI TRADUKO

*La organizantoj de junulara kaj studenta somera tendaro sin turnis al mi kun peto fari seminarion pri traduko por prezenti antaŭ la aŭditorio ĉefajn specifojn, malfacilaĵojn kaj barojn ekiĝantaj antaŭ la traduk-majstro. Unuvorte malkovri misterojn de teorio, praktiko kaj arto de traduko.*

*Estas tre grava la iniciato kaj ĝi estas kondiĉita de tri gravaj motivoj.*

*1. Ege urĝiĝis la bezono por traduko de literaturaj materialoj.*

*2. Senkompate forpasas la malnovaj (kaj sekve maljunaj) veteranaj fortoj, tenantaj en siaj manoj kaj kapoj la trezorojn de lingvo-scio.*

*3. Junularo, kiu eksentis sin respondeca pri la sorto de internacia lingvo, movado kaj kultura (kvalifikita) apliko, volas rapide trapasi la transan periodon de nescio al scio por povi plenmezure preni sur siajn ŝultrojn la sorton de la lingvo. Kaj la traduko estas unu el kardinalaj vojoj al rapida ekposedo de la lingvo.*

*Bedaŭrinde nunjare mi ne povis partopreni la tendaron. Do mi instrukciis unu junan, sed bone progresintan en la lingvoscio esperantiston kun celo, ke li metu „la fundamentan ŝtonon", prezentante ĉefajn tezojn de la temo. Kaj mi jam, se eblos, estontjare daŭrigos lian „unuan plugsulkon" pli profunde.*

*Sed inter niaj rondoj mi volus prikonsideri la problemon de l'ĵurnalista vidpunkto.*

*Kiun rolon havas la traduko por ĵurnalismo?*

*La problemo havas kelkajn aspektojn aŭ facetojn.*

*A. Tradukado de ĵurnalistaj materialoj el Esperanto en naciajn lingvojn kaj inverse.*

*B. Procedo de traduko en ĵurnalista laboro.*

*C. Traduko kiel stimulo kaj instigilo por riĉigo de esperanta literaturo.*

*Du unuaj aspektoj estas klaraj kaj ili entenas en si ankaŭ la solvon de la problemo. La utilon de traduko montris ekzemplo de laboroj de Ida Lisiĉnik el Kutaisi (Kartvelio), kiu sukcesis en loka nacilingva gazetaro bonege eluzi materialojn pri lingva kaoso en UNO.*

*Tiamaniere ĉiu ĵurnalisto-esperantisto en sia laboro povas trovi tiujn materialojn, kiuj prezentas ne sensacian, sed ĉiaman intereson, por uzi ilin en sia nacia gazetaro. La materialoj devas havi kaptan kaj profundan longdaŭre aktualan enhavon.*

*Sed pli gravas la aspekto „C".*

*Kun granda intereso kaj konsento mi tralegis en „Esperanto" la pensojn de G. N. Teterin (Leningrad) pri neceso krei bibliotekojn ĉie-ĉie. Vere tre grava ideo, kiun devas studi kaj realigi ne nur ĵurnalistaj rondoj, sed la tuta esperanta popoleto. Tamen, certe, ĵurnalistoj unuavice. Eĉ iam mi proponis en „Heroldo de Esperanto", ke oni kreu asocion de bibliotekistoj, kiu devus stimuli la saman kreon de sia flanko, plej kvalifikita kaj interesita.*

*Sed samtempa akcelo de kreo de legaĵo estas same grava. Kaj ĉi tie necesas pli vaste vidi la rolon de la ĵurnalistoj.*

*Unue sisteme priskribi traduk-laboron de naciaj grupoj, ke ĉiuj legantoj sciu anticipe kiuj verkoj en kiuj landoj estas tradukataj kaj preparataj por eldono. Niaj librostokoj jam atingis 100 mil da nomoj, sed ĝuste scii por ĉiu koncerna nacio kaj lingvo kio kaj kiam estas tradukita estas tre grave por ne retraduki.*

*Tiamaniere ĵurnalistoj devus prizorgi en ĉiuj gazetoj la bibliografiajn informojn pri tradukitaj kaj tradukataj verkoj.*

*Sed ne nur tio gravas. Ne nur registro de la farito, sed certagrada anticipo de la faroto. Necesas en ĉiuj ĵurnaloj publikigi listojn de rekomendindaj por traduko verkoj.*

*Kaj fine la plej efika direktado de traduk-laboro estus publikigitaj konkursoj de tradukoj, kaj publikigo ĉu plene, ĉu en fragmentoj de la tradukitaj laŭ konkurso verkoj.*

*La fortoj kreskas. La bezonoj ankaŭ.*

*Necesas doni valoran eliron al la krea entuziasmo kaj energio de junaj ĵurnalistoj-esperantistoj. Kaj la ĵurnalistoj tenas en siaj manoj la ŝlosilojn de pluaj sukcesoj.*

*N. Danovskij, Moskva*

## POR PLI EFIKA INFORMADO

# RIMEDOJ

La Principaro de Frostavallen mencias la ĉefajn rimedojn, kiujn la Esperanto-movado kutime aplikas sur la kampo de informado. Jenaj eblecoj estas utiligeblaj: artikoloj en nacilingvaj gazetoj kaj periodaĵoj; mallongaj informoj kaj sciigoj; paroladoj por ĝenerala publiko kaj prelegoj aŭ lekcioj en specialaj medioj, ekzemple en sciencaj institucioj, universitatoj, lernejoj, literaturaj societoj, sindikatoj, studentaj organizaĵoj, diversaj asocioj ktp.; prelegoj kaj informoj per radio aŭ televido; afiŝoj kaj flugfolioj; diversaj aktualaj sloganoj; ekspozicioj; filmoj; eventuale aliaj rimedoj laŭ la landaj aŭ lokaj cirkonstancoj.

La principoj pri la necesa kvalito, pritraktitaj en la antaŭaj artikoloj, devus esti konscience aplikataj al ĉiuj rimedoj de informado. La esenca postulo estas absoluta objektiveco, t. e. nek troigo de atingoj, ankoraŭ malpli neseriozaj blufoj, nek prisilento de realaj sukcesoj. Oni memoru, ke oni eble povas trompi iun *la tutan tempon*, aŭ *la tutan mondon* dum kelka tempo, sed oni ne povas trompi la tutan mondon la tutan tempon. Blufoj kaj neseriozaĵoj — inkluzive nomojn de Esperanto-instancoj, kiuj neniel respondas *al la faktoj — kaŭzis kaj kelkfoje* plu kaŭzas tiom da malbono al la afero de la Internacia Lingvo, kiom eĉ la plej bona kaj serioza informado ne povas ripari. *Meti* etikedon de ĉampanvino sur botelon de vi*nagro ne ŝanĝas la enhavon* de la botelo, sed kompromitas la etikedon.

Kompreneble, en unu prelego aŭ en unu artikolo oni certe ne povas diri ĉion pri la Internacia Lingvo — kaj tio ankaŭ ne estas necesa — sed *oni ja devas diri tion*, kio estas grava en la konkreta kazo. Grandparte ĝi dependas de la medio, al kiu oni sin turnas: en unu maniero oni skribas artikolon por ĉiutaga gazeto kun amasa legantaro *kaj tute alimaniere oni verkas por* faka organizaĵo. La samo validas por ĉiuj aliaj rimedoj de informado.

Afiŝoj, flugfolioj, broŝuroj kaj similaj presaĵoj devas esti ne nur celtrafaj enhave, sed *ankaŭ modernaj laŭ la aspekto*; *alie eĉ la* plej bona enhavo povas esti komplete detruita pro la malmoderna, kelkfoje vere mizera aspekto. Se la presaĵo ne estas taŭge prezentita, oni kutime atingas precize la malon de *tio, kion oni celis*; *anstataŭ altiri* la publikon, oni malproksimigas ĝin.

• • •

En la lasta tempo aperis diversaj informaj broŝuroj kaj flugfolioj, kiuj povas esti rigardataj kiel bonaj ekzemploj de presaĵoj respondantaj al postuloj de moderna informado. Menciindaj estas aldone al diversaj dokumentoj de CED, precipe „Bazaj Faktoj pri la Internacia Lingvo" (jam publikigita en 13 lingvoj), la lasta eldono de la seslingva flugfolio de UEA „La Internacia Lingvo Esperanto", la broŝuro „Esperanto, a First Foreign Language for All Mankind" de B. Cavanagh, eldonita de la Brita Esperantista-Asocio; „The ABC's of Esperanto", eldonita de la firmo Channing Bete, Usono; „Moderne Menschen sprechen *Esperanto" eldonita* de Germana Esperanto-Asocio; pluraj tre modernaj kaj trafaj broŝuroj eldonitaj de Centra Dana Esperantista Ligo. Tiaspecaj broŝuroj kaj flugfolioj sendube kontribuas *al disvastigo de la lingvo kaj al altigo* de la Esperanto-movado.

Du pliaj imitindaj ekzemploj meritas mencion. La unua estas la kvaronjara grandformata gazeto „La Lingua Internazionale Es*peranto", eldonata kaj publikigata de prof.* Corrado Cerri-Calzoni ekde 1966 en la itala lingvo. Ĝi enhavas bonajn artikolojn kaj multajn aktualajn informojn. La eldonkvanto estas 2500 ekzempleroj, sed ĉ. 10000 personoj legas ĝin. La alia imitinda ekzemplo estas la grandformata gazeto „Esperanto". eldonita de la Esperanto-Klubo en Kuopio (Finnlando). Ankaŭ ĝi enhavas artikolojn kaj informojn. La kostojn de la publikigo komplete pagis la multaj reklamoj de lokaj industriaj kaj komercaj firmoj. Iniciatemo, persista serĉado de eblecoj generas kelkfoje mirindajn kaj imitindajn sukcesojn. Ekspozicioj de esperantaĵoj (libroj, gazetoj, fakaj periodaĵoj) estas potencaj rimedoj de informado, ĉar ili per si mem laŭte parolas pri la atingoj de la Internacia Lingvo. Tamen, ankaŭ *ekspozicio trafas la celon* nur se ĝi estas kiel eble plej kompleta, lerte kaj moderne aranĝita, sisteme organizita. Pro la gravgco de tiu demando, al ĝi estos dediĉita aparta artikolo.

*Ĉiuj menciitaj rimedoj* estas same gravaj. Ili apogas unu la alian. Apliki unu rimedon, aŭ eĉ kelkajn, ne povas doni la deziratajn rezultojn. Nur paralela kaj intensa utiligado de ĉiuj eblecoj donas vere pozitivajn rezultojn.

**(El „Esperanto", majo 1972/73)**



*2. Foto de Jackson. Ĝi montras la momenton kiam Jack Ruby pafmortigas Lee Harwey Oswald, la murdinto de la prezidanto de USA Kenedy, antaŭ policanoj k. a.*

## UEA LANĈAS NOVAN SERVON

*La Informa Fako de Universala Esperanto-Asocio ĵus lanĉis novan servon sub la nomo Eltondaĵa Servo. Ĝi ebligas al ĉiu interesito, ĉu ĵurnalisto, respondeculo pri landa aŭ loka informa fako, simpla kolektanto de Esperantaj materialoj aŭ alia, havi regulan superrigardon pri tio, kion skribas la monda nacilingva gazetaro pri la Internacia Lingvo.*

*Kontraŭ abonkotizo de 20 guldenoj, kiu kovras la efektivajn kostojn, la Eltondaĵa Servo liveras ĉiumonate fotokopiojn de la plej gravaj gazetartikoloj pri Esperanto, kiuj aperas en diversaj naciaj lingvoj en la mondo. La artikoloj estas elektataj, el ĉiuj aperantaj, laŭ la eldonnombro de la koncerna gazeto, kvalito de la artikolo k. s. En multaj kazoj, bone verkitaj artikoloj povos servi kiel modeloj por traduko, reverko aŭ imito en aliaj landoj. Eventuale, se tio montriĝos utila, la Eltondaĵa Servo distribuos ankaŭ esperantlingvajn tradukojn de kelkaj el la plej elstaraj artikoloj aŭ informoj.*

*Abono al la nova servo validas por la kalendara jaro. La abonantoj ricevos minimume 50 paĝojn da fotokopioj jare. Tiuj, kiuj abonos tuj por 1973, ricevos senpage ankaŭ dum la lastaj monatoj de 1972. Adreso: Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176. Rotterdam-3002, Nederlando.*

## RECEVITAJ ELDONAĴOJ

„Ilustrowany Kurier Polski" aperanta en Bydgoszcz, Pollando, daŭrigas publikiĝi priesperantajn informojn en speciala kolumno, sub la redaktado de nia bona kolego K. Malika. Alifoje ni menciis pri la graveco de la laboro de nia kolego Malika por nia Esperanto-movado.

Nun ni ĵus ricevis la lastajn n-rojn de „Ilustrowany Kurier Polski". En la sama poŝtajo surprizis nin alia gazeto; Dzielnik wieczorny, n-ro 229, aperanta ankaŭ en la pola urbo Bydgoszcz. Sur la 6-a paĝo de tiu vespera gazeto estas dukolumna rubriko „Esperanto dzis" (Esperanto hodiaŭ), sub kiu estas pluraj esperanto novaĵoj. Ni ne scias ekde kiam tiu 8-paĝa gazeto publikiĝas priesperantajn informojn, tial ni petas s-anon Malika informi nin pri tio.

**OFICIALA BULTENO** pri 58-a Universala Kongreso de Esperanto okazonta en Beogrado, Jugoslavio, de 28-a de julio ĝis la 4-a de aŭgusto 1973, aperis, grandformata (6 falditaj paĝoj), bone ilustrita, kun informoj pri Jugoslavio, Beogrado, ĝeneralaj prikongresaj informoj.

# SE EN LA MONDO

*Kiam oni kalkulas la postsekvojn de la militoj, kutime oni taksas perdojn. Tiuj ciferoj terurigas, senkonsidere al tio, ke ili delonge estas konataj.*

*Antaŭ kelkaj jaroj franca revuo publikigis novajn statistikajn informojn pri tio, kion alportis la milito al la mondo. Pli ĝuste dirite, la novo estis ne la informoj mem, sed la koncepto pri la postsekvoj de la militoj. Kaj tiuj ĉi ciferoj estas ne malpli terurigaj.*

*Jen la ciferoj:*

*Ekzemple, de la trimila jaro antaŭ nia erao ĝis la 50-aj jaroj de la XX jarcento sur nia planedo estis entute nur 292 jaroj en paco. En daŭro de mil jaroj sur la Tero okazis ĉirkaŭ 14513 grandaj kaj malgrandaj militoj. Se ĉiuj perdoj en tiuj militoj estus esprimitaj en monunuo (ekzemple en dolaroj), oni ricevus la astronomian sumon de 500,000,000,000 miliardoj da perdo. Se tiun ĉi sumon oni transformus en oron, tio signifas, ke la tutan Teron laŭ la ekvatoro oni povus ĉirkaŭi per ora murego alta 10 metrojn kaj larĝa 160 kilometrojn.*

*Cetere, ĉu estas senco tro profundiĝi en la malproksiman pasintecon, se nur la nuna generacio fariĝis atestanto kaj partoprenis en la du mondmilitoj. Kaj niaj infanoj? Ĉu la milito en Hindo-Ĉinio, en la Proksima Oriento, la konstanta minaco de tria, jam termonuklea milito, ne aperas realajo en ilia vivo?*

*Ni prenu, ekzemple, la rezultojn de la Dua mondmilito. La specialistoj kalkulis, ke la rimedoj, elspezitaj, de la germana imperismo por tiu milito, plus la mono, elspezita de la popoloj por bridi la faŝismajn agresantojn, sufiĉus por konstrui domon (proksimume por 25,000 dolaroj) por ĉiu familio en la militantaj landoj, komplete ekipita per mebloj (proksimume por 10,000 dolaroj), doni al ili enmane po 50,000 da dolaroj kaj krome por ĉiu urbo de la mondo kun pli multe ol 200,000 enloĝantoj restus po 240,000 dolaroj, kiujn oni povus asigni por socialaj kaj kulturaj bezonoj.*

*Kiel oni vidas la faŝismo kostas al la homaro tre kare. Kaj se por ĉio estus pagintaj nur la agresantoj. . .*

*En niaj tagoj la milito daŭre prezentas tratojn por pagado.*

*Nur unu milit-industria komplekso de Usono en sia hegemonia rabio atingi la militsuperecon en la tuta mondo jetas en la kaldronon de la milito ĉirkaŭ 80 miliardojn da dolaroj ĉiujre. La nedetenebla militarismo de tiuj ŝtatoj, kiu estas bone konata al la tuta mondo, estas destinita tute ne por „detenado". La tintado de armiloj estas stilo de ilia politiko.*

*Ĉio ĉi havas senperajn, malfavorajn postsekvojn por la tuta homaro, ĉar ĝi trudas konkuradon en la armigado, por kiu, laŭ la informoj de la Organizajo de la Unuiĝintaj*

## LA MONDO ELSPEZAS ĈIUN JARON $200 MILIARDOJN POR MILITAJ CELOJ

Laŭ raporto de internacia komitato de UN, oni kalkulas, ke kostas 200 miliardojn da dolaroj ĉiujare provizi per nutrajoj kaj armiloj la 23 milionojn da homoj en la militistaroj de la mondo. Ĉi tiu primilita elspezo estas pli granda ol la kunigitaj enspezoj de triono el la tuta loĝantaro de la mondo, t. e. de la 300 000 000 enloĝantoj de Afriko, Sudafriko kaj la Fora Oriento, laŭ broŝuro de UN, kiu donas la eltrovaĵojn de la komitato. La tutmonda elspezo pri armiloj, homoj kaj esplorado postulas de 6 ĝis 6,5 el cento de la tuta produkto de la mondo, du-kaj-duonfoje tion, kion elspezas ĉiuj registaroj pri sano; unu-kaj-duonfoje tion, kion ili elspezas pri eduko; kaj tridekfoje la oficialan elspezon helpe al la ekonomio de evoluantaj landoj, laŭ la broŝuro: „Ekonomiaj kaj Sociaj Sekvoj de la Primilita Konkurenco kaj de Primilita Elspezo".

Dum elspezas registaroj ĉiujare $ 25 miliardojn pro primilitaj esploroj, laŭ la 51-paĝa broŝuro, ili dediĉas nur $4 miliardojn al medicina esploro. La komitato de 14 homoj konsistas el sciencuIoj kaj ekonomiistoj el landoj okcidentaj, orientaj kaj evoluantaj. La plejparton (pli ol kvar kvinonojn) de la mono elspezas ses landoj: Usono, Sovetunio, Francujo; Britujo, Popola Respubliko de Ĉinio kaj la Federacia Respubliko der Gumanujo. Plie, la komitato kalkulas la nombron de homoj, kiuj implikiĝas rekte aŭ nerekte en laboron kun primilitaj celoj je 50 milionoj, proksimume la ekvivalento de la enloĝantaro de Francujo. Entute, la tutmonda stoko de nukleaj armiloj egalas almenaŭ 15 tunojn da TNT por ĉiu homo sur la planedo.

**(Unesco Features kaj Informa Servo de UEA).**

# NE ESTAS MILITOJ!

*Nacioj, la mondo elspezis nur en 1968 pli ol 200 miliardojn da dolaroj — sumo de la jara nacia enspezo de ĉiuj ŝtatoj de Azio, Afriko kaj Latina Ameriko.*

*Per la mono, kiun la mondo elspezas por armigado nur en la daŭro de unu tagnokto, oni povus krei universalan televidan sistemon, ekipitan per plej modernaj teraj kaj kosmaj stacioj.*

*Nun por minuto ni prezentu al ni, kiajn suprojn de prospero oni povus atingi por la homaro, se tiu ĉi monsumego estus utiligita por paco, kaj ne por milito: por konstruado de loĝejoj, por sanpreventado, por klerigo, por batalo kontraŭ la mizero kaj la malsato. . .*

*Kia povus esti nia mondo! Kiom ĝi estus pli riĉa, se. . .*

*Cetere la historio ne rekonas kondicionalon.*

*Ni iom pensu pri nia hodiaŭa tago; pri la grandiozaj klopodoj faritaj por morto, kaj ne por vivo; pri la estonto de niaj infanoj, ne malpurigata de la pulva odoro.*

*La donitaj pli supre ciferoj estas sufiĉe elokventaj. Ili montras, ke la veron oni devas serĉi ĉirkaŭ la tablo de la traktadoj kaj ne en la tranĉeoj de la milito; en la batalo por kompleta senarmigo, kaj ne en amasigado de termonukleaj armiloj.*

**Tradukis: G. Dol**



**3. Mizerulo—viktimo de la naciistoj en la koncentrejo de Buchenwald.**

**Foto de M. Bourke-White 1945**

---

## REGULAJ MEMBROJ DE TEJA EN POLLANDO

1. Emil Mayer, Krakow, Florianska 4,
2. Zdzislaw Wojcikiewiez, Krakow, Floianska 17 a.
3. Stanislaw Saduski, Krakow, 1 Maja 21.
4. Stanislaw Florczyk, Krakow, Gen. Boma 24.
5. Jan Zawada, Warszawa 21, Newickiego 3 m 29.
6. Walerian Wlodarczyk, Warszawa, Hrzybewska 9 m 102.
7. Kazimierz Malycha, Bydgoszcz, Sulkovskiego 19 m 29.
8. Adolf Capf, Lodz, Wrzeenieenska 102 m 68.
9. Tadeusz Hodakowski, Nowi Saez, u. Kodciuszki 26.

**Deziras korespondi** kaj interŝanĝi presverkojn kun kolegoj. Temoj: prifilmaj raportaĵoj, intervjuoj, informoj. Ebleco de reciproka publikigo de materialoj. Adreso: Karel Vrchovecky, Laubova 6, Praha 3, Ĉeĥoslovakio.

# EN LA HISTORIA KAJ PITORESKA ISTAMBULO



*Pitoreska pejzaĝo de Stambul kun la moskeoj, la Bosforo kaj malantaŭe — la azia parto de Istanbul. Dekstre — Marmora Maro.*

Tre alloga kaj interesa por turistoj, historiistoj, geografoj, arkeologoj, orientalistoj kaj vojaĝemuloj estas la historia kaj kontrastaspekta turka urbo Istanbulo! Ĝi situas pitoreske sur la ambaŭ bordoj de la fama markolo Bosforo kaj ambaŭflanke de la belega golfo Ora korno, atingante sude la bordon de la Marmora Maro.

Sesfoje — ire kaj revene, veturante per motorŝipo al la bordoj de la Proksima Oriento kaj Adriatiko, al Atlantiko kaj Norda maro, mi trapasis surakve tiun interesan turkan urbon Sesfoje, laŭ la okazoj — matene, tagmeze, vespere kaj nokte — mi ĝurigardis ĝin, kontemplante la altan minaretan arbaron, la haremojn de la iamaj sultanoj, la grandajn fortikaĵojn, bataltur ojn, longajn fortikajmurojn ktp. Sed bedaŭrinde, mi ne havis feliĉon elŝipiĝi kaj promeni piede sur la stratoj de la urbo, viziti ĝiajn historiajn muzeojn, palacojn k. a. valorajn vidindaĵojn.

Kaj tamen, finfine, ĉi somere mia granda deziro efektiviĝis dank' al la bulgara entreprenejo de turismo — „Balkanturist". Ekveturante el la marhaveno de Varna, dum la nokto nia ŝipo tranaĝis la nun kvietan Nigran Maron kaj frumatene ni vidis la siluetojn de la ambaŭ bordoj de la Turka Respubliko — la eŭropan kaj la azian — inter kiuj komenciĝas kaj iras al la Marmora Maro la fama markolo Bosforo. Post nelonga veturado inter la pitoreskaj bordoj de la 30 -kilometrojn longa Bosforo, sur kiuj ni kun scivolemo rigardis vilaĝetojn, interesajn palacojn kaj vilaojn de riĉuloj, la malnovajn fortikaĵojn „Rumeli hisar" kaj „Anadoli hisar" sur la ambaŭ bordoj de la markolo, gardostarintaj kaj defendintaj iam du fortegajn imperiojn — la Bizancan, kaj la Turkan. Fabelaj kaj fablaj lokoj kaj monumentoj. . . mortaj atestantoj de historiaj eventoj kaj interbataloj, invado de malamikaj armeoj.

Post la doganaj formalaĵoj ni elŝipiĝis. Sur la havena bordo nin atendis turkaj turistoficistoj, kiuj per kelkaj aŭtobusoj ekgvidis la bulgarajn turistojn tra la urbo.

La bulgaroj speciale tre interesiĝas pri Istanbulo, ĉar ilia historio estis ligita dum jarcentoj kun la historio de tiu urbego, kiam ĝi estis bizanca, romimperia kaj poste turka ĉefurbo, ktp.

Bizantium, Konstantinopolo, Istanbulo, Carigrado (Reĝurbo) — kiel bulgaroj, la slavoj kaj aliaj najbaraj landoj nomis ĝin, jam estas ĉirkaŭ mi.

Atente mi aŭskultis la elokventan, miksitan kun spritaĵoj, priskribadon de la urbo fare de la istanbula ĉiĉerono, parolanta bonan bulgaran lingvon, ĉar li naskiĝis kaj edukiĝis en Bulgario. Komprenebie, mi anticipe legis iajn libretojn kaj konatiĝis kun la interesa historio, situo, kulturo kaj geografio de Istanbulo.

„Ora ŝlosilo de l'Oriento" — tiel nomis ĝin K. Marks. Istanbulo ekzistas pli ol 26 jarcentoj Ĝi estis loĝigita de antikvaj triboj, poste de grekoj -kolonistoj. Kiam la grekoj -megarionoj — fondis la urbon, ilia gvidanto Bizaso donis sian nomon al ĝi — Bizantium. Dank'al ĝia favora geografia situo — pordo inter Okcidento kaj Oriento, la urbo estis atakinda kaj konkerinda strategia celo de multaj tiamaj popoloj — romianoj, bulgaroj, krucmilitantoj, turkoj, rusoj k. a. Ĉiuj ili intencis konkeri la urbon kaj la „Nigramarajn Markolojn" aŭ la „Markolojn" — la Bosforo kaj la Dardaneloj, ligantaj la Nigran kun la Marmora kaj Egea maroj kaj per la Egea kun Mediteraneo.

Kiam la imperiestro Konstantino ŝanĝis sian ĉefurbon Romo per la ĉebosfora urbo, li nomis ĝin Neo Roma, sed poste la urbo nomiĝis Konstantinopolis, ĉefurbo de la orienta romia imperio. Post la konkero de la urbo fare de la turkoj, ĝi fariĝis ĉefurbo de la turka imperio — Istanbulo, kia ĝi estis ĝis 1923, kiam Kemal Atatjurk, renversinta la putrigintan feŭdisman ŝtatreĝimon de la sultanoj, deklaris la Respublikon kaj nomis

ĉefurbon Ankara, urbo en la mezo de Azia Turkio.

Istanbulo mirigas per sia stila kontrasteco de arkitekturo, vivmaniero ktp. La gvidanto de nia grupo priskribadis la historion de la urbo, montrante diversajn vidindaĵojn — moskeojn, preĝejojn, palacojn, konstruaĵojn k. a, Dum 1-2 tagoj oni ne povas konatiĝi kun la multnombraj historiaj objektoj. Pro tio oni donis al ni eblecon viziti kaj vidi la plej gravajn kaj interesajn.

La gvidanto montris kaj klarigis al ni: Instanbulo estas situita sur la bordoj de Eŭropo kaj Azio (dividitaj de Bosforo). Oriente de Bosforo estas la alia parto de Istanbulo — Juskjudar, sur la azia bordo. Tamen plej interesaj ĉiuflanke estas la eŭropaj partoj de la urbo: la plej malnova — Stanbul, kiü okupas la duoninsulon inter la Marmora Maro, Bosforo kaj ĝia profunde longa golfo Ora Korno. Norde de la Ora Korno kaj oriente ĝis Bosforo estas Bejoglu, iom pli nova parto de Istanbulo. Kiel mi menciis, la tria parto estas Juskjudar sur la azia bordo.

Istanbul situas sur sep altaĵoj, kiel Romo — sur sep montetoj. Tio simbolas la parencajn ligojn inter la du famaj ĉefurboj. La malnova Stanbul estis la rezidejo de la imperiestroj. Tie ĉi estis konstruitaj la palacoj kaj la kultkonstruaĵoj de la bizancaj, romiaj kaj turkaj reĝoj. La unuaj grandaj palacoj estis konstruitaj de la romia imperiestro Septimij Sever, sed bonege plilarĝiĝis kaj plibeligis la urbon imperiestro Konstantin. En 330 jaro post la nova erao Konstantin forlasis Romon kaj establis kiel ĉefurbon Konstantinopol, kiu fariĝis majesta, riĉa, kultura urbo, altiranta la apetitojn de multaj aliaj popoloj de Eŭropo kaj Azio por konkeri aŭ forrabi ĝiajn riĉaĵojn. Laŭ la historiistoj, la urbo estis sieĝita 29 fojojn kaj 3 fojojn konkerita de malamikoi. Por defendi ĝin diversaj bizancaj, romiaj kaj turkaj imperiestroj konstruis solidajn fortikaĵojn kaj ĉirkaŭigis ĝin per longaj kaj altaj muroj. Tie ĉi oni konstruis amfiteatron, kies restaĵojn ni nun vidis.

Ni vizitis la majestan preĝejon „Sankta Sofio", konstruita de Justinian la Unua. La imperiestra palaco estis apud la preĝejo kaj la hipodromo, kiun tiam vizitadis 100 000 homoj. La majestan preĝejon konstruadis 10 000 laboristoj dum 5 jaroj. El diversaj landoj, el fremdlandaj preĝejoj oni alportis marmorajn kolonojn, diverskolorajn marmorŝtonegojn. Por la konstruado Justinian elspezis 36 000 kgr da oro kaj kiam la preĝejo estis preta, li ekkriis: „Solomono, mi superis vin!" (Lia preĝejo estis pli granda kaj belega ol tiu de Solomon en Jeruzalemo, kies ruinaĵojn mi vidis antaŭ 8 jaroj). Ni rigardis kontemple tiun mirindan konstruaĵon, kiu poste dum 482 jaroj estis uzita kiel turka moskeo. Sed la granda turka reformisto K. Atatjurk en 1935 ordonis, ke ĝi estu transformita en muzeon. „Se estas necesa moskeo, ni konstruu ankoraŭ unu, sed „Sankta Sofio" devas aparteni al la homaro" — diris Kemal Atatjurk.

La grandaj kolonoj, kiuj subtenas la imponan kupolon, estas kungluitaj per fandigita plumbomortero. Antaŭ jaroj la muroj de la preĝejo estis nudaj, kiel decas por moskeo. Nun elsub la forigita stukaĵo aperis mirindaj mozaikoj de Aleksej Komnin, la Dipatrino kun Jezuo kiel infano, Konstantin la Dua kun la figuro de la urbo en la manoj, kaj maldekstre de ĝi — Justinian kun la preĝejo „Sankta Sofio" en manoj. „Sankta Sofio" havas tersurfacon 7570 kvadr. metrojn kaj estas la kvara laŭ grandeco post la Vatikana „Sankta Petro" en Romo, La Sevilja kaj Milana katedraloj. Ĝi suferis multajn tertremojn, incendiojn, atakojn, kiam ĝiaj valoraĵoj estis forrabitaj. Plej barbaraj estis la abomenindaj



*La belega kaj majesta preĝejo „Sankta Sofio" — konstruita de Justinian la Unia*

atakoj de la krucmilitistoj. En 1204 ili konkeris Konstantinopolon kaj komencis terurajn rabojn. Tiuj „diversantoj" forrabis la brilantan preĝejaltaron — farita el oro kaj multekostaj gemoj, altvaloraj artantikvaĵoj, pri kiuj oni scias nur el la priskriboj en malnovaj historiaj kronikoj. La bizanca historiisto Nikita Akominat skribas jene pri tiu barbaraĵo:

„Kiam oni ekvolis elporti el la preĝejo la sanktaĵojn—objektoj de mirinda arto kun eksterordinara malofteco, arĝento kaj oro. . . oni enkondukis en la antaŭnavon de la preĝejo mulojn kaj ĉevalojn kun seloj. La bestoj, timante la brilantan plankon, ne volis eniri, sed oni batis ilin kaj . . . sakrilegiis per ilia sango la sanktan plankon de la preĝejo". . .

Kiam en Konstantinopolon enîris post longa sieĝo la turka sultano Mehmed la Dua (29 majo 1453), li (jam en la 1-a de junio) transformis la preĝejon en moskeon konstruinte minaretojn, ŝmirinte la valorajn ikonojn kaj aliajn bildojn. Kaj ĉiu sultano poste alkonstruis ion laŭ sia kompreno. Multajn legendojn rakontis al ni la turista gvidanto, sed loko ne estas mencii ilin.

La preĝejo estas ĉirkaŭita de granda komplekso de moskeoj, fontanoj, tombejoj. Antaŭ „Sankta Sofio" estas 4 tombejoj. En la unua estas enterigitaj 19 princoj, sufokmortigitaj de ilia frato Mehmed la Tria. Ankoraŭ en la regado de sultan Murad la Unua (1359—1389), post la malkovro de kontraŭsultana komploto, en kiu partoprenis ankaŭ lia frato, Murad ordonis la mortigon de siaj parencoj, por ke neniu povu heredi lin. Mehmed la Dua leĝigis tiun regulon per la vortoj: „. . . se iu el miaj gloraj filoj aŭ nepoj fariĝos ĉefo de la ŝtato, rajtas mortigi siajn fratojn en la nomo de la komuna bono. . .". En la tombejo de sultan Selim la Dua estis enterigitaj liaj edzinoj, kvin filinoj kaj 17 filoj, sufokigitaj de Murad la Tria, kiam li sultaniĝis.



*Murpentraĵo — restarigita artaĵa fresko en la preĝejo „Sankta Sofio"*

Nia bulgara turista grupo vidis ankaŭ la ruinojn de la hipodromo, konstruita en 203 de Septimij Sever laŭ la modelo de la romia „Cirkus maksimus". Nun tie ĉi estas la „Atmejdan" (Ĉevalplaco). Tie ĉi en 1826 sultan Mehmed la Dua ruze altiris 30000 janiĉarojn (kristandevena soldatoj, forrabitaj ankoraŭ kiel infanoj el bulgaraj, serbaj, grekaj k. a. familioj) kaj mortigis ilin, ĉar ili ribelis kontraŭ la sultanon. Historiaj faktoj diris, ke iam, en 532, la militestro de Justinian — Velizarij mortigis 40000 homojn, partoprenintaj en la ribelo „Nika". Tie ĉi ni vidis ankaŭ la egiptan obeliskon, la kolonon de Konstantin kaj la Serpentan kolonon metitan de Konstantin la Granda, kiun oni prenis el la templo de Apolono en Delfi.

(Daŭrigota)
**Ivan Esperov**

---

*Estas nedece ricevi gazeton sen pago de abonkotizo. Tial bonvolu tuj pagi vian kotizon por la 1972 kaj 1973 jaroj. Pagu al via landa komitatano aŭ reprezentanto de TEĴA aŭ rekte al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto", blv Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario.*

# LA BRITOJ KAMPANJAS POR ESPERANTO EN LA RADIO KAJ TELEVIDO

Lastatempaj sukcesoj en Nederlando kaj Ĉeĥoslovakio havigi Esperanto-kursojn en la televido instigis la britojn ekagi por akiri similajn kursojn. Ne dezirante esti postlasitaj de la cetera mondo ili fondis novan organizaĵon: „GROUP FIVE: Esperanto on Radio and Television" (GRUPO KVIN: Esperanto en la Radio kaj Televido).

GRUPO KVIN ekĝermis dum marto en Londona Esperanto-klubo. Oni diskutis la eblon penetri la lokan radio-stacion BBC Radio London. Stariĝas momente reto de lokaj radio-stacioj tra Britujo. Pluraj jam funkcias dum kelkaj jaroj. En la nordangla urbo Stoke-on-Trent jam disaŭdiĝis kurso de Esperanto, kaj momente en Birmingham disaŭdiĝas regula kvinminuta programero en Esperanto. Kurso en BBC-Radio London estus do praktika celo. Londona Esperanto-klubo komisiis al S-ro Peter Schilperoord (kiu konatiĝis pro la Londona aŭtobuso, kaj la sonbendo Londono en Sono) iniciati la agadon.

La postan tagon S-ro Schilperoord petis la subskribinton esti lia „kuniniciatanto". Dum la sekvantaj du monatoj estis ellaborita detala plano. Precipe ĝi celas registri subtenon de amaso da homoj por indiki ke estas bezono por tiaj kursoj, kaj ankaŭ produkti aŭ produktigi taŭgajn kursojn por proponi al radio-instancoj.

Ĉe GRUPO KVIN ekzistas kvinpunkta programo:

* provizi taŭgajn kursojn por radio kaj televido;
* subteni aktorojn, instruistojn kaj prezentantojn de tiuj kursoj;
* kolekti subtenon — moralan kaj financan — de la ĝenerala publiko;
* kunlabori kun disaŭdigaj instancoj;
* starigi reton de aktivaj subtenantoj tra la lando.

La 27-an de majo, en la kadro de la 56-a Brita Kongreso de Esperanto en Brighton okazis la Solena Inaŭguro de GRUPO KVIN. Al ĉirkaŭ 250 homoj d-ro John Wells, prezidanto de la Organiza Komitato, klarigis la celojn de la nova organizaĵo.

La Inaŭguro okazis en ĉeesto de la urbestro de Brighton, Alderman Gordon C. C. Packham, kiu akceptis atestilon deklarantan lin la unuan Honoran Anon de GRUPO KVIN, kiel ankaŭ orumitan insignon, kiu surhavis la supran emblemon. Dankante, la urbestro deklaris, ke estas necese havi unu lingvon komprenatan de ĉiuj.

La nova prezidanto de Brita Esperantista Asocio, s-ro Grahme Leon-Smith, asertis, ke la laboro de GRUPO KVIN estas tre granda antaŭenpaŝo por la estonto de Esperanto. Gratulante la GRUPOn KVIN pri ĝia fondiĝo, li transdonis ĉekon por 100 fundoj en la nomo de Brita Esperantista Asocio.

Fluan festparolon pri la kultura valoro de Esperanto liveris s-ro William Auld, bone konata esperantlingva verkisto kaj redaktoro de The British Esperantist. Li parolis en Esperanto kun traduko en la anglan por la neesperantistaj gastoj, inkluzive de la geurbestroj.

S-ro Raif Markarian, estro de lernejo, en kiu Esperanto estas instruata, kiel ankaŭ eduka konsilanto de GRUPO KVIN, priparolis la provojn amase instruadi aliajn fremdajn lingvojn per la radio kaj televido.

Anonco pri la Inaŭguro de GRUPO KVIN aperis en nacia gazeto kaj intervjuoj disaŭdiĝis en la radio kaj televido. La kampanjo estas lanĉita.

BULTENO-verkita de Ian Fantom, membro de TEĴA, informoficisto, GROUP FIVE — Esperanto en la Radio kaj Televido.

**Noto de la redaktoro**

Mi insiste petas ke presitajn artikolojn pri Grupo Kvin akompanu nia emblemo — kvinpinta stelo kun cifero 5. Tio agas kiel okultrafa rekonilo, same kiel la Londona aŭtobuso estis rekonilo rilate de la pasintjara Universala Kongreso.

Fotografaĵoj de la Inaŭguro estas haveblaj laŭ peto.



— Nu, prenu, Adamo. Vi bezonas vitaminon „C"



—Karulo, sed tio estas leporoj
—Ili ne estas mia specialaĵo. Mi ĉasas nur tigrojn

Opinio de soveta akademiano pri la internacia lingvo

## LINGVISTIKO KAJ INTERLINGVISTIKO

### Interparolo kun akademiano Paul Ariste

Mi konfesas, ke mi emociiĝis, trapasante preter la famaj ses kolonoj de la saĝeco de la ŝtata universitato en Tartu (Estona SSR) kaj enirinte en la konstruaĵon mi haltis antaŭ la pordo sur kiu estas ŝildeto kun surskribo „Katedro de finno-uguraj lingvoj".

Multfoje mi aŭskultis pri la akademiano Paul Ariste, pri la sciencisto, kiu parolis 40 lingvojn. Honora doktoro de eksterlandaj universitatoj, aŭtoro de centoj da verkoj, senlaca partoprenanto en lingvosciencaj ekspedicioj, pedagogo edukinta kelkajn generaciojn da lingvistoj...

— Kio instigas vin al la lingvistiko? — ekdemandis mi la akademianon.

— Mi edukiĝis en medio de familio, parolanta multajn lingvojn.

— Proksime al nia domo loĝis rusoj — mi ekparolis ruse. Aliflanke niaj najbaroj estis germanoj — mi ellernis germanan lingvon. Transloĝiĝinte en Tallinn, mia patro komencis labori en uzino, kie estis multaj svedoj — mi komencis paroli en sveda lingvo. En la gimnazio mi lernis latinan kaj anglan lingvojn. Dekkvarjaraĝa mi ellernis Esperanton. En Esperanto mi verkis mian unuan sciencan artikolon antaŭ duonjarcento — respondis trankvile la akademiano.

— Kiaj kvalitoj estas necesaj por la lingvisto?

— Oni devas labori sisteme, persiste, konstante.

— Kiel vi opinias, kio estas preferinda: koni laŭeble plej multe da lingvoj aŭ „pli malmulte, sed pli bone"?

— La homaj eblecoj estas limigitaj. Bone oni povas ellerni nur kelkajn lingvojn.

— Kiaj eblecoj permesis al vi posedi kvardek lingvojn?

— Mi ne ŝatas, ke oni kalkulu kiom da lingvoj mi posedas. Ja la grado de la posedo de diversaj lingvoj ne estas egala. Por mi mem, mi difinis kvar kategoriojn. En la unua — mi libere parolas, skribas, pensas. Por mi tio estas estona, finna, germana kaj sveda lingvoj. Dua kategorio estas tiuj kiujn mi libere posedas, sed de tempo al tempo estas necese kontroli en la vortaron pri iu vorto. Tiuj lingvoj estas la rusa, angla, idiŝ, norvega. La tria kategorio da lingvoj — mi libere legas, ĉion komprenas, sed mi sentas iom da embaraso dum interparolo. Ili estas — hungara, franca, erzja-mordova, cigana. Kaj la kvara kategorio — mi komprenas ĉion, sed mi renkontas unuopajn nekonatajn vortojn. Mi libere legas en pola lingvo, mi ĉion komprenas, sed mi sentas ĝenon paroli ĝin.

— Laŭ informoj de la gazetaro, la itala profesoro Talivani konas pli ol 120 lingvojn. Kiun homon nuntempe vi taksas kiel la plej grandan poligloton?

— Mi tute ne envias. Estas homoj, kiuj konas dekojn da lingvoj, sed uzas ilin malofte kaj praktike tio ne donas utilon.

En Oslo (Norvegio), en la kongreso de la lingvistoj, mi admiris Boris Aleksandroviĉ Serebrjannikov-on, membro-korespondanto de la Akademio de Sciencoj de USSR. Li komencis sian eldiron en rusa lingvo, transiris al la angla, poste ekparolis en norvega, en albana, kaj vice ankoraŭ en multaj aliaj lingvoj. Mi konsideras lin kiel la plej grandan lingviston nuntempan.

— Kiom da lingvoj devas koni homo, fininta superan lernejon kaj kiuj lingvoj estas preferindaj?

— Tio estas tre komplika demando. En la mondo estas preskaŭ 200 lingvoj, en kiuj aperas valora informaĵo. La teknika literaturo aperas precipe en rusa, angla, franca, germana, hispana, japana lingvoj. La lingvisto devus scii 30—40 lingvojn. Lastatempe eĉ aperis nova lingvobranĉo de la lingvoscienco — interlingvistiko. Malfermitaj estas por tiu nova scienco katedroj en Usono, Francio, Italio kaj en nia lando, en Moskvo, ĉe la instituto pri lingvoscienco de la Akademio de sciencoj de USSR.

— Kiel vi taksas la problemon pri internacia lingvo?

*(Daŭrigo sur p. 15)*

— Dum la kvardekaj jaroj ni, la lingvistoj, parolis pri 2600 diversaj lingvoj, kaj nun — pri 2800. Tiel, de pure aritmetika vidpunkto oni konstatas plimultigon de la lingvoj. Tio estas rezulto de la malkovro de nekonataj ĝis nun lingvoj. Praktike la malgrandaj lingvoj efektive malaperas. Hodiaŭ kamanan lingvon parolas nur ununura maljunulino.

**La problemo pri la internacia lingvo ĉiujare pliakriĝas. La specialistoj ĉiam pli ofte lanĉas la ideon profiti artefaritan lingvon en kvalito de helpa internacia lingvo. Unu el ili estas Esperanto. Aliaj artefaritaj lingvoj kiel Ido, Okcidental estas uzataj en malvastaj rondoj. Mi opinias, ke venos tiu tempo, kiam la homoj interrilatos per la helpo de la artefarita lingvo.**

**L. Ranametis**

(Kun mallongigo, traduko el „Komsomolskaja Pravda" Organo de CK de Komsomolo, Moskva)

## RICEVITAJ ELDONAĴOJ

C i t a d e l l a (Padova)—belaspekta faldfolia prospekto, kolorilustrita. Kun mapo kaj geografiaj faktoj kaj notoj pri vidindaĵoj. Eldono en Esperanto.

B u l g a r i o — 36 paĝa turista prospekto, multaj kolorbildoj, mapoj kaj diversaj notoj kaj klarigoj pri la lando de la rozoj. Eldono de Komitato de Turismo ĉe la Ministra konsilantaro de Popola Resbubliko Bulgario, Sofio, pl. „Lenin" 1/Centro por Turisma reklamo).

B u d a p e s t—32 paĝa kun kovrilpaĝoj, bone kolore ilustrita granda turista prospekto pri la bela ĉedanuba ĉefurbo de Hungario. Eldonita en franca, gernana kaj angla lingvoj. Multaj klarigoj kaj notoj, turistaj k. a. pri la urbo.

K u r s o d e E s p e r a n t o — lernolibro por superaj lernejoj, de docento Georgi Dimov, membro de TEĴA. 286 paĝoj. Eldono de Supera Instituto por Ikonomio „D. Blagoev", katedro pri „Fremdaj lingvoj", Varna, 1972. Dua eldono.

*TEĴA-anoj! Ni petas vin tuj sendi al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" viajn proponojn kaj opiniojn pri la Statuto de TEĴA, kiun ni post pridiskuto, akceptos en la Jarkunveno de TEĴA en Beograd, dum la 58-a Universala Kongreso de Esperanto.*

*La malnovan statuton kaj du projektojn de statuto ni jam publikigis en numeroj 3—4 de 1971 kaj 2 — 1972 de „Internacia Ĵurnalisto".*



Sen vortoj

**GAZETARA KONFERENCO** pri UK en Portland.

Je la 15.00 horo okazis la gazetara konferenco. Flanke de la Kongreso estis sinjoroj Harry HOLMFS, Victor SADLER, Guenther BECKER, Frank HELMUTH, James DEER kaj Mikulâŝ NEVAN.

Dum la konferenco ĉeestis:

| | | |
|---|---|---|
| Gomez BRAVO | Radio | KEX |
| Joe FRAZIER | Ĵurnal-servo | Associated Press |
| Frank HANSON | Ĵurnalo | The Commonweal Regina, Saskatchewan, Kanado |
| Tillie HARRIS | Televido | Kanaloj 10 (NET) kaj 2 (ABC) |
| Frank NELSON | Radio | KPBS |
| Watford REED | Ĵurnalo | Oregon Journal |
| Ada FIGHIERA-SIKORSKA | Gazeto | Heroldo de Esperanto, Belgujo |
| Tal TRIPP | Televido | KOIN, Kanalo 6 |

**NOVAJ MEMBROJ DE T. E. Ĵ. A.**

— Ian D. Fantom, 80, Charter Court Linden Grove, New Malden, Surrey, Anglio. Kategorio B.

— Stewart Farrar, 35, Roman Road London, 6 DT, Anglio. Kategorio A.

Otto Munthe-Kaas Pay, Jacob Aalis gate 10, Oslo, Norvegio.

**Ŝanĝo de adresoj**

G. Norgaard Jensen — Z. H. Holmegard-sparken 22,3 th., Danmark.

**NIA POŜTO**

Emil Mayer, Krakow, Pollando.— Estu trankvila, kolego. Dankon pro via persisteco. Kolektu abon-kaj membrokotizojn por „Int. Ĵurnalisto". Kunlaboru al la organo per ia kontribuaĵo. Oni ekspedis „Int.-Ĵsto"n al vi kaj viaj samlandanoj. Bonvolu eltrovi ĉiujn kolegojn kaj varbu ilin por TEĴA. Bv. tajpi viajn leterojn kaj artikolojn. Vi sendis nelegeblan kopion de letero.

*LA ESTRARO DE TEĴA KAJ LA REDAKCIO DE „INTERNACIA ĴURNALISTO" TUTKORE GRATULAS LA MEMBRARON DE NIA ASOCIO KAJ LA ABONANTOJN DE „I. Ĵ." OKAZE DE LA NOVA 1973 JARO KAJ LA FESTOTAGOJ. ĜI ESTU FELIĈA, FRUKTODONA KAJ PACA POR ĈIUJ KOLEGOJ KAJ AMIKOJ DE ESPERANTO!*

**Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev — Esperov, bulv. Hristo Botev 98 Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04**
**Redakta komitato: Rajna Konstantinova, Minko Conkovski**